FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA · H E F

Año IV (N.º 42)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 6

JUNIO 1952

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## ENTRE TODOS Y PARA TODOS

**Cuando, en el cotidiano debatir en favor de nuestra tesis por un idioma auxiliar universal, nos preguntan nuestros interlocutores, entre dubitativos y maliciosos, por el número de nuestros adeptos, no podemos menos que confesar que somos pocos, muy pocos, los que predicamos con el ejemplo, aprendiendo el Esperanto. Y si nos preguntaran por el número de los que sacrifican su tiempo, sus aficiones y hasta su peculio en la propaganda del sistema que constituye la síntesis de nuestra convicción lingüística, no tendríamos más remedio que contestarles mostrándoles tan sólo unos cuantos dedos de ambas manos.**

**Y si tal confesión nos llena de amargas reflexiones, nos estimula también a no desfallecer en la tarea; pues, a poco que se haya escuadriñado en el mohoso arcón de la Historia, no se puede menos que convenir en que siempre, desde las más remotas edades, las minorías consecuentes y convencidas acaban por imponer su criterio a las mayorías que, si menos cultas y menos preparadas para la lucha de opiniones, están más necesitadas de los postulados que estas opiniones representan. Esta es una verdad incontrovertible que se extiende no sólo a cuanto se refiere a la evolución del arte y la literatura, sino hasta el idioma, el ambiente, las costumbres y la religión misma. Pero este fenómeno se ha producido siempre cuando las minorías conscientes han mantenido vivo el fuego del entusiasmo y de la convicción, hasta los límites extremos del sacrificio, en muchas ocasiones.**

**Si queremos, pues, que nuestra íntima convicción, sobre la necesidad de un segundo lenguaje auxiliar, común para todos los hombres del mundo, se imponga y no se extinga con nosotros, no tenemos más remedio que aplicar en la vida la propia vida del Esperanto: aprendiéndolo bien, utilizando su difusión y extensión para mantener una activa y provechosa correspondencia con esperantistas de otros paises, formando parte de las entidades culturales existentes, ayudando al desenvolvimiento de sus tareas y al acrecentamiento de su prestigio. Una obligación muy esencial es la de aportar el necesario auxilio pecuniario para la organización de cursos, de los que salgan nuevas generaciones de entusiastas samideanos, sin descuidar, naturalmente, el apoyo material a las diversas publicaciones periódicas que sirven de nexo a los convencidos y de convencimiento a los extraños...**

**Sin este programa mínimo, no hay posibilidad alguna de vencer en la contienda. Para ofrecer a los extraños un panorama de ventajas materiales y positivas, no olvidemos que hay que superar una etapa muy larga, en que todos hemos de ser apóstoles esforzados y abnegados; hasta que, con el triunfo, es decir: la aceptación oficial del Esperanto en la enseñanza, no sea necesario el esfuerzo ni haga falta la abnegación de nuestro apostolado.**

**El pasado año, el Congreso de Tarrasa fué el punto inicial de la marcha progresiva del esperantismo español. Este año, el Congreso de Valencia ha de ser la confirmación de las bellas esperanzas del pasado. Al entusiasmo de la primera reunión, debe suceder el examen serio y aleccionador de las experiencias adquiridas para las futuras actividades, en esta segunda Asamblea, donde las iniciativas privadas pueden ser concretas directrices.**

**Y nadie debe inhibirse de esta fundamental tarea. Bien estarán las reuniones festivas, los banquetes, las alegres excursiones y las personales efusiones afectivas, con los amigos de aquí y de allá... pero nadie debe excusarse de exponer su opinión, conforme o disconforme, pero siempre constructiva, para el feliz desenvolvimiento del Esperanto, como medio de expresión cordial entre los hombres y disciplina de paz entre los pueblos.**

**Así, pues, el Congreso de Valencia debe ser, para todo esperantista hispano, la ineludible cita a la que debe acudir con el vivo entusiasmo que merece la noble causa que defendemos.**

La kalendaro avertas prudente, ke nur unu monato mankas...

**Nenia hezito, nenia dubo, nenia baro devas bremsi vian impulson rekte partopreni en la granda festo de la hispana esperantismo!**

Se tia impulso ne ekzistas, ankaŭ neniel ekzistas fervoro

**NENIU ESTAS TIEL KLERA, POR NE BEZONI ANKORAŬ MULTE LERNI, KAJ NENIU EN LA MONDO ESTAS TIEL MALKLERA, POR NE POVI ANKAŬ KONVENE INSTRUI!**

## INFANA LOGIKO

La sekvanta anekdoto estas tute vera:

Sinjorino vizitis amikinon kun sia malgranda infano. Dum ambaŭ amikinoj babiladis, la bubo ludis per la ludiloj de la hejma knabineto. Inter la ludiloj estis pupo, kies harojn li deŝiris tute trankvile, kiel infanoj scias fari tiajn aferojn.

Post du aŭ tri tagoj, lia patrino anoncis al li, ke oni alportos lin en barbirejon, por konvena tondado de lia longa hararo.

Aŭdinte tion, la etulo ekkriis:

—Ne. panjo, ne! Ne sendu min en la barbirejon! Mi ne volas iri tien!

—Sed... fileto mia; kial do?

—Ĉar poste, mia kartono estos videbla!

**Kompilita de Alcibiades González Meana**
**(Ciaño - Santa Ana)**

---

Oni demandis al kuracisto:

—Kial vi, kvankam tre kompetenta doktoro, ankoraŭ faras piede viajn vizitojn, dum via najbaro, la alia kuracisto, posedas modernan tre multekostan aŭtomobilon?

—Ho, tre facile! Al mi pagas la malsanuloj mem; sed al mia najbaro pagas plej volonte la heredintoj de liaj malsanuloj.

---

*Ekzistas du grandaj motivoj por fidi je neniu: Ordinare, oni ne devas fidi je la nekonatoj, kaj cetere oni ne povas fidi je la konatoj.* QUENDIN QUIN
usona humoristo

## SFINKSA ANGULETO

| ROMBO | Horizontale kaj vertikale |
| --- | --- |
| x | Vokalo |
| x x x | Sufikso |
| x x x x x | Apartigita |
| x x x x x x x | Sennoma |
| x x x x x | Frukto |
| x x x | Inklino |
| x | Vokalo |

Ni akceptos solvojn ĝis 20. de Julio

---

SOLVO DE LA **MAGIA KVADRATO** EN LA PASINTA NUMERO

| | | |
| --- | --- | --- |
| 4 | 9 | 2 |
| 3 | 5 | 7 |
| 8 | 1 | 6 |

---

RECEPTO POR FRANDEMULOJ:

## MALDIKAJ GRASKUKOJ

*Oni knedas funton da porka graso kun sama kvanto da faruno plej blanka. Kiam ili ambaŭ estas jam miksitaj, oni aldonas plian funton da kribrita sukero. Oni knedas ĉion, denove, ĝis la pasto fariĝas kompakta kaj glata. Tiam oni sternas ĝin maldike kaj tranĉas pecojn per muldilo aŭ per rando de pokaleto, kaj oni ordigas ilin sur plato, kovrita per papero; oni surverŝas ilin per pulvorigita cinamo, kaj oni bakas ilin en forno, kun modera varmo.* **Manuela Gallardo Gómez**

---

En la tuta mondo, nur unu sola urbo kuŝas ĝuste sur la linio de la ekvatoro. Ĝi estas Quito (elp. Kito) ĉefurbo de la amerika respubliko Ekvatoro; ĉi tiu linio, cetere, etendiĝas nur tra maroj, arbaroj kaj dezertoj, laŭlonge de sia vasta cirklo.

---

 MUZIKOLIMPIADO EN NEDERLANDO 

La provinco Limburgo estas konata en Nederlando pro la grandaj popolaj festoj. Unikan lokon tiurilate okupas la urbo Kerkrade. Dum 3 - 19 Aŭgusto 1951, oni aranĝis tie internacian muzikkonkurson, al kiu partoprenis 5000 muzikantoj el dek-du landoj. La loĝantaro de Kerkrade kunlaboris per senkosta enloĝigo de la multaj eksterlandanoj, kiuj ĝenerale restis kvar tagojn en la urbo. Pro la granda sukceso, la organiza komitato decidis en la estonto organizi Muzikolimpiadojn en sia urbo. Jam nun ĝi faras aranĝojn por organizi en la jaro 1954 la unuan olimpiadon. La organizantoj intencas diverslingve presigi prospektojn por sendi milojn en la tutan mondon. La lokaj esperantistoj proponis ankaŭ uzi Esperanton. Kvankam kelkaj membroj de la Komitato estas favoraj al ĝi, la plimulto da ili ankoraŭ estas skeptikaj rilate la internacian lingvon, kaj ĝiajn multajn aplikojn.

Nia peto al vi, leganto, estas: Atentigu orkestrojn, fanfaristarojn kaj muzikantarojn en via loĝloko je la Muzikolimpiado en Kerkrade, kaj instigu ilin esperantlingve peti informojn kaj prospekton. Skribu tuj kaj grandnombre kaj se la organiza komitato ricevos multajn leterojn kaj poŝtkartojn esperantlingve, ĝi sendube uzos nian lingvon. La adreso estas: Organiza Komitato «Muzikolimpiado», Gemeentehuis, Kerkrade (Nederlando).

## PROGRAMO DE NIA KONGRESO

**26 JULIO - SABATE**

Je 10 - Disdonado de dokumentoj kaj Interkona Kunveno.
» 12 - Aperitivo-trinkado.
» 18 - Malfermo de la Kongreso kaj unua laborkunsido.
» 23 - Vizito al la Foiro.

**27 JULIO - DIMANĈE**

Je 10 - Diservo kun prediko en Esperanto.
» 11 - Komuna fotado.
» 14 - Oficiala bankedo.
» 17 - Literatura festo.
» 23 - Vizito al la Foiro.

**28 JULIO - LUNDE**

Je 11 - Vizito al la urbaj vidindaĵoj.
» 17 - Dua laborkunsido kaj Fermo de la Kongreso.
» 23 - Vizito al la Foiro.

**29 JULIO - MARDE**

Je 10 - Tuttaga ekskurso al la apudmara pinarbaro Saler kaj lago Albufera.
» 23 - Adiaŭa kunveno.

**NOTO.—Bankedo: proksimuma prezo, 60 pesetoj. Estas konvene akiri la kuponojn en la momento ricevi la dokumentojn. Ankaŭ oni rekomendas samtempe anonci la partoprenon en la ekskurso, kies prezo estos sufiĉe malmultekosta.**

**EKSTERLANDAJ SAMIDEANOJ:**

**JEN BELA KONGRESMATERIALO!**

**Arta afiŝo kvinkolora (50 x 34): unu resp. kuponon**
**Bela poŝtkarto seskolora: unu respondkuponon**

## XIII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO EN VALENCIA

**26 - 27 - 28 - 29 de Julio de 1952**

**Se van cubriendo las etapas y solamente faltan días para la reunión de los esperantistas españoles en el ambiente luminoso de Valencia. Se ha concedido la rebaja en las tarifas de ferrocarriles, que facilita el desplazamiento. Se recomienda la puntualidad a fin de que cada congresista pueda retirar debidamente su documentación, en cuyo momento es conveniente que los que deseen asistir al banquete abonen el tiket, cuyo precio aproximado será de 60 pesetas, así como también el de la excursión, que será muy económica, y cuyo importe se indicará en aquel momento.**

***Está a la disposición de todos el llamativo cartel que se ha editado a cinco colores, muy propio por su formato (50 x 34), para ser expuesto en escaparates y en el interior de locales. Puede adquirirse al precio de UNA PESETA el ejemplar, pagándose tan sólo el valor neto del papel y las tintas. Quedan ya pocas existencias de la bonita postal, cuyos últimos ejemplares pueden adquirirse todavía a 0'75 pesetas cada uno.***

**Entre la variada documentación figura el KONGRESLIBRO, que ya se está imprimiendo, y que constituirá un bello recuerdo de estos días de grata convivencia y amenas distracciones, como complemento de los debates, que prometen ser interesantes, para coordinar ideas y estudiar proyectos, encaminados a lograr la mayor difusión posible del idioma auxiliar Esperanto en España.**

**Así, pues, con firme decisión —¡sin perder tiempo!— deben llegar las últimas adhesiones.**

COMITÉ ORGANIZADOR del
XIII Congreso Español de Esperanto
Pelayo, núm. 7, 1.° - Teléfono 19532 - VALENCIA

**ANDORO** — *Jen eta kaj rava lando, ankoraŭ nekonata por plejmulte da eŭropanoj; ĝi estas kvazaŭ malgranda oazo en Eŭropo, kiel lando de vastaj valoj kaj romantikaj vilaĝetoj, apud belaj lagoj aŭ fluantaj rivereto, kiuj prikantas la pacon de trankvila vivado, en simfonio de ŝtonegoj kaj arbaroj.*

*Andoro estas originala ŝtateto situanta en la Orientaj Pirineoj, inter Francio kaj Hispanio; ĝi havas nur 7.000 enloĝantojn, kiuj vivas sur teritorio de 462 kvadrataj kilometroj. Laŭ la legendo, ĝi estis fondita de Karlomagno, en la jaro 784ª. Poste, ĝi fariĝis feŭda posedaĵo de la Episkopo kaj de la Grafoj de Urgell. Andorra la Vella estas ĝia ĉefurbo, kie kunvenas la Ĝenerala Konsilantaro, kiu konsistas el 24 membroj elektitaj per ĝenerala balotado (4 por ĉiu el la 6 parohoj). La oficiala kaj gepatra lingvo estas la kataluna, sed plimulto el la andoranoj bone komprenas la hispanan kaj la francan. Ekonomiaj rimedoj estas: bestobredado, tabako kaj turismo, krom industrio kaj komerco.*

Ĉio daŭre ŝanĝiĝas en la vivo kaj en la naturo, dum ĉio tamen revenas fatale kaj nepre al sia antaŭa deirpunkto. Stranga estas la karuselo de la tempo, kiu, portante la homojn laŭ takto de sia senhalta turnado, ebligas al ili samtempe rigardi la turnojn de horoj kaj tagoj, kiel reflektojn de facetoj aŭ eroj variaj de jaroj. Stagno ne ekzistas en la granda rado, ĉar vintro anoncas la someron, kaj somero la vintron, kvazaŭ averto saĝa, ke kulmino de io estas signo de velko... kiu—ankaŭ ne definitiva—ebligos oportune floradon de novaj kulminoj. Mi konscias, ke sufiĉe teda fariĝis hodiaŭ mia kutima enkonduko, sed alie mi ne sukcesis skizi la staton de mia animo, kiam ŝajnas al mi, denove sub la imperio de lumo kaj varmo, ke estis hieraŭ la tago, unu jaron antaŭe, en kiu mi babilis pri la sama temo, invitante vin al la nacia hispana Kongreso. Jes, ankaŭ en febra preparo de taŭgaj aranĝoj, oni ne konas ripozon—ĉar oni ne povas nek devas ripozi! — Kiam, inter aklamoj kaj vokoj, miloj da brilkoloraj afiŝoj desegnas jam vojon kaj montras direkton al la belega urbo-ĉefurbo, kie baldaŭ okazos la tutlanda renkontiĝo, en amase granda publika elmontro de konvinko, fervoro kaj fido.

Kiel pasintan jaron, ankaŭ mi ĉeestos kaj rekte intervenos en la fluon de tiuj tre agrablaj amuzoj kaj ege pasiaj debatoj. Denove — ho, jes, ja denove!—ŝajnas esti hieraŭ. kiam mi min maskis, sub registro de ordinara nomo, kaj povis persone rilati kun multaj kaj multaj karuloj, kiujn verŝajne mi salutos refoje nunjare en la pulsanta centro de nia movado, kvankam malmultaj el ili perceptos aŭ *flaros* la esencon de mia duobla naturo. Ĉu oni sukceŝos malkovri min pro la simileco de frazoj kaj vortoj, parole diritaj, kun tiuj aliaj de miaj verkitaj kronikoj? Mi ne scias... Sed, por helpi onin en la detektiva tasko, jen plia specimeno de mia karakteriza stilo, en plia raporto pri ĵus legitaj gazetoj; kie, certe, kelkaj terminoj povas taŭgi kiel indicoj. Tial, ek' al la laboro!

Al la nordo mi ŝuldas atenton pro longa silento, kiu tute neniel signifis forgeson: SVENSKA ESPERANTO - TIDNINGEN aperas unualoke, en la nuna parado, kun sia verda stelo frontpaĝe, kvazaŭ flagoportanto en la skandinava taĉmento. Sur honora loko, troviĝas artikolo aparte interesa: «Hispanaj Fajreroj» kie oni rakontas pri kuriozaj aspektoj de la hispana vivmaniero; jen sprita difino, kiun mi pinĉas: «Svedo parolas per la buŝo; franco, per la buŝo kaj la manoj; kaj hispano per la buŝo, la manoj kaj la kruroj!» ĝia aŭtoro, sinjoro R. Dupuis, havos okazon baldaŭ sperti mem tiun aserton, ĉar li gvidos karavanon da svedaj geamikoj, kiuj per aŭtobuso vizitos kelkajn hispanajn urbojn. Bonvenon al ili! MALGRANDA REVUO sukcesis trabati vojon tra la krizo, kiu minacis ĝian ekziston. Dank' al la kapablo kaj obstino de S-ro S. Engholm, la valoraj kajeroj daŭre aperas por liveri ĝuon al literaturamantoj, kiuj, cetere, devas plej pozitive helpi por mallongigi la tempon de kajero al kajero. En la lasta, troviĝas tre interesa, kvankam diskutinda, artikolo: «Esperanto en la ĉiutaga vivo». DIA REGNO ne haltas en sia spirita strebado, al kiu ne mankas la materia flanko de plaĉa formo kaj loga enhavo. Ekster la specifa misio de ĉi tiu ŝatata gazeto, trovigas intervjuo kun

## INTER LA PROZO DE LA E

TUTLANDA KONGRESO DE ESPERANTO, POR ESPERANTISTO, NENIEL DEVAS ESTI

*Inter ĝiaj naturaj riĉaĵoj troviĝas la varmakvo de la fontoj «Les Escaldes», kun temperaturo de 10° ĝis 85°, kiuj estas tre multe rekomendindaj por la kuracado de reŭmatismo kaj diversaj haŭtmalsanoj.*

*La andoranoj estas laboremaj kaj gastamaj. Enlande, oni ne bezonas afranki la korespondaĵojn. La ĉefaj vilaĝoj, kiujn trairas la ĉefvojo estas: Sant Juliá de Loria, Andorra la Vella (administracia centro) Les Escaldes, Encamp, Canilló, Soldeu kaj, apud la franca landlimo, Pas de la Casa (2085 m.)*

*Fine estu dirite, ke en ĉi tiu ekloga landeto Esperanto sukcesas en diversaj kursoj kaj eĉ en oficialaj oficejoj por Turismo. Se oni deziras ricevi senpage broŝuretojn kaj reklamilojn, oni skribu esperantlingve al: «Sindicat d' Iniciativa de les Valls d' Andorra» (Andorra la Vella) kaj oni ricevos kontentigan respondon de tiu informejo. La andoraj esperantistoj frate salutas la tutmondajn samideanojn.*

**JOSEP TRAVESSET PIJOAN** Delegito de U. E. A. en Sant Juliá de Loria (Andoro)

---

juna samideano Olov B. Anderson, lektoro de ĉina lingvo, en ĵus starigita katedro pri tiu orienta idiomo, ĉe la sveda universitato de Lund. Vere, ĉi tiu intervjuo estas tre interesa; sed, por plia efiko, oni devus ĝin traduki nacilingve; mi zorgos fari tion, iom kompile, por oportuna aperigo. ARBETAR ESPERANTISTEN ĉiam verve kaj vigle pledas por nia lingvo, meze de la sanaj vicoj de la laboristaro; en brava artikolo «Esperanto: Helpa Lingvo» jen oni legas: «Kion signifas helplingvo?, mi pensis: Ho, tre verŝajne, nur aĉa lingvo, per kiu oni povas esprimi plej simplajn aferojn». «For, do, nia ĝisnuna naiveca propagando!». NORVEGA ESPERANTISTO ne perdas siajn elegantajn formojn; tre malavare ĝi prezentas belajn vidindaĵojn de sia ĉarma lando, per svarmo da kliŝoj, kio estas speciala logo por la jam pretaj aranĝoj de la proksima Universala Kongreso en Oslo. DANKS ESPERANTO-BLAD prezentis en unu el siaj numeroj ampleksan aldonon,

# ESPERANTISTA GAZETARO

kiun, sub titolo «Bibliografio de dana literaturo tradukita en Esperanto», kompilis Poul Thorsen; laŭ la gazeto mem: «La ellaboro de ĉi tiu bibliografio postulis longtempan kaj penan laboron; tial, ni ŝuldas al S-ro Thorsen egan dankon». La fakto, ke la aŭtoro estas malnova amiko mia, ne devas silentigi mian krajonon por sincere gratuli la sukcesan efektiviĝon de tiel utila teknika laboro. NIA VOĈO tamburas pri la laborista jarkunveno en Arhus, kiu bone sukcesis, kiel meritas la klopodoj de la bonaj organizantoj. Kaj, kiel adiaŭo al la nordo, LA BUDHA LUMO elĵetas vivajn radiojn de supera mistiko.

Tra la eŭropa mozaiko, mi haltas en Aŭstrio, kie min salutas ESPERANTO-REVUO, oficiala organo de la tiea movado. Jam ĉio estas preta por la solena inaŭguro de la monumento al D-ro Zamenhof en Wörgl, kiu staros kiel atesto de firma volo por homa paca kunvivado. INFORMILO de Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, tiu mirinda kaj admirinda entrepreno de S-ro Hugo Steiner, kiu jam aktive laboras, en kompleta resaniĝo, post la gravega akcidento, kiu preskaŭ forprenis lian vivon. La juna entuziasmo de nia maljuna samideano estu ekzemplo, kiun oni devas honori per taŭga helpo al tiu Muzeo, lia grandioza verko. INFORMLETERO, folio por la grupoj el Tirolo, dediĉas nun siajn energiojn al la proksima solenaĵo en Wörgl; sed, kial en Wörgl? demandas kelkaj, kiujn oni respondas per jenaj demandoj: «Kiu urbo en Aŭstrio disponigus ĉi-cele sian plej belan placon? Ĉu la montegoj de Tirolo ne estas sufiĉe belaj por inde enkadrigi la monumenton? Ĉu ne ĉiu urbo, ĉiu vilaĝo, ja eĉ ĉiu loĝejo, kie loĝas unu aŭ du aktivaj esperantistoj, havas rilaton al Zamenhof?» Jes, tial vere taŭga estas la montara urbeto, kien spirite mi iros.

Jes. tien kaj ĉien mi iros, kie oni konscie laboras sen atento al la tento de trivialaj profitoj, sed nur strebante al tiu supera idealo, volonte akceptita, kiu tamen postulas kelkfoje zorgojn kaj klopodojn fakte malfacilajn, kiuj, ankaŭ en daŭra ŝanĝiĝo kaj daŭra turnado, estas la sola ornamaĵo en la karuselo de la tempo de ĉiu idealisto, eĉ kiam tiu karuselo estas en la kermeso de la hispana kongreso, inter aklamoj kaj vokoj de brilkoloraj afiŝoj por ilumini la vojon, kiun, renkonte al vi, ho karaj amikoj, baldaŭ suriros

**LA LEGEMA KOBOLDETO**

---

**...ALPLI GRAVA OL FINALO, EN NACIA TURNIRO DE FUTBALO, POR SPORTISTO!**

## Se reanuda el Curso de Esperanto en la Universidad de la LA LAGUNA (Tenerife)

**En el archipiélago canario, el Esperanto goza de grandes simpatías, gracias a la eficiente y esforzada labor de un grupo de profesores universitarios que, como miembros de la Federación, infunden a los postulados esperantistas un elevado carácter de distinción y prestigio. El pasado Abril, a petición de nuestro buen amigo el ex rector Dr. D. José Maynar Duplá, se concedió autorización oficial para iniciar un curso superior de Esperanto, en una de las aulas de aquella Universidad. Este curso, explicado por el competente samideano D. Juan Regulo Pérez, durará hasta la terminación del año escolar (15 de Junio). Se explica dos veces por semana, durante una hora, lunes y jueves. Para dar una idea de su importancia, diremos que entre los asistentes figuran, entre otros profesores, el anteriormente nombrado Sr. Maynar y el decano de la Facultad de Filosofía, Dr. D. Elías Serra, además de una nutrida representación de la sección de idiomas.**

**Nuestra felicitación a tan distinguidos amigos es algo así como una felicitación a nosotros mismos, por la fortuna de contar en nuestras filas con elementos de tanta valía y tanto entusiasmo, aunque la lejanía en que geográficamente se encuentran, les impida tener una intervención más personal y directa en la marcha ascendente del esperantismo español, propiamente peninsular.**

## SEGUNDA ASAMBLEA MUNDIAL EUCARISTICA ESPERANTISTA

Dentro del cuadro de solemnes actos del XXXV Congreso Eucarístico Internacional, celebrado recientemente en Barcelona, han revestido gran brillantez las reuniones celebradas por los esperantistas.

Fué publicado un programa bilingüe, en español y Esperanto, en el que se señalaban los actos a realizar durante la magna concentración eucarística. Se difundió por RADIO BARCELONA, en los días anteriores al Congreso y durante el mismo, una emisión en varios idiomas, entre ellos el Esperanto. La señora María Jung —entusiasta esperantista, hermana del director de «Heraldo de Esperanto», católica ferviente, organizadora de los actos que nos ocupan, y residente varios años en España— explicó por dichos micrófonos, por medio del idioma auxiliar, el espíritu del Congreso y los actos a realizar por los esperantistas durante el transcurso del mismo.

El miércoles, día 28 de Mayo, tuvo lugar en la Iglesia de los PP. Dominicos el acto inaugural con una Solemne Misa que dijo Monseñor Yu-Pin, Arzobispo de Nankin (China), fervoroso esperantista; predicó en el idioma auxiliar el Reverendo Padre A. Beckers, de Bélgica, Presidente de I. K. U. E. A continuación se desarrolló la reunión inaugural en el Convento de los PP. Dominicos. Asistieron representaciones de Bélgica, Holanda, Inglaterra, Irlanda, Austria, República Argentina, Andorra, etc. etc., de diversas provincias españolas y de Barcelona y provincia, principalmente. Por la noche, en la Cooperativa de Tejedores a Mano, el Grupo Esperanto de dicha Institución ofreció un vino español a los asambleistas. Asistieron gran número de ellos y tuvieron lugar elocuentes parlamentos, por parte de los directivos de la citada Cooperativa, quienes dieron la bienvenida a los asistentes. Hablaron también representantes de diversas naciones, y como final, el Rvdo. Padre A. Beckers, siendo todos ellos presentados por el señor D. Dalmau. Durante los días 29, 30 y 31 de Mayo continuaron con gran éxito y en el citado Convento las sesiones de trabajo de la Asamblea, se discutieron diversos asuntos relacionados con el movimiento esperantista católico y se llegó a importantes conclusiones. Se envió también un telegrama de fervorosa salutación e incondicional adhesión al Sumo Pontífice.

El día 2 de Junio, lunes de Pentecostés, los participantes de la Asamblea se trasladaron a Manresa, siendo recibidos por gran número de samideanos de aquella ciudad. En la Santa Cueva se celebró una Misa de Acción de Gracias que dijo el Rvdo. Padre Beckers, el cual predicó a continuación en Esperanto. Se visitaron los lugares más importantes de la ciudad, entre ellos la Seo, el Ayuntamiento, etc. Como resumen, podemos decir que esta Asamblea ha tenido un gran éxito, siendo una fiel continuadora de la que tuvo lugar entre los actos del Congreso de Budapest en el año 1938, y ha demostrado la eficacia y la difusión del Esperanto en los medios católicos.

## INTERLINGVA PARALELO

### ORIGINALO

Kiam la ardanta sundisko atingis la horizonton kaj estingiĝis en la maro, li alvenis al insulurbo. Lando de mirakloj. Inter mil rebriloj de iluminataj fenestroj, naĝis la luno sur la akvo.

El novelo de la konata esperantisto Julio Baghy —

### TRADUKO

**Cuando el ardiente disco solar alcanzó el horizonte y se extinguió en el mar, llegó a la ciudad-isla. País de milagros. Entre mil reflejos de ventanas iluminadas, nadaba la luna sobre el agua.**

De una novela del conocido esperantista Julio Baghy

# Ricevitaj Libroj



**KREDU MIN, SINJORINO!** de Cezaro Rossetti, eld. de «Heroldo de Esperanto», Schveningen, 1951. 260 p. Prezo: 5.40 ned. guldenoj aŭ 1.65 dolaroj.

Nia afero jam havas nimbon de grava kulturilo; sed por tiuj — kiel mi — kiuj konvinke kredas ĝian pravon, nenio povas esti pli ĝoja ol la kresko el la lingvo mem de verkoj, kiuj ĝin prestiĝe aŭreolas por nepra estonta agado.

Al tiu kategorio de majstraj kreaĵoj apartenas la unika verko de Cezaro Rossetti: *Kredu min, Sinjorino!*, kiu longe restos en nia beletro, kiel firma lumturo, por la navigantoj de la sargasa maro de nia prozo. Neniam antaŭe—krom, komprenebie, ĉe Zamenhof—mi legis tiel bonan Esperanton, tiom maturan, tiel bone alproprigintan nian lingvan tradicion. Antaŭ mi, *Kredu min, Sinjorino!*, rolas kvazaŭ majstro, kiu montras, kreante, kiel oni faras bonan frazon, kiel oni evoluigas nian literaturon, kiel oni senprude ĝin riĉigas.

Mi scias, ke en Esperantujo, kiel ĉie, ekzistas homoj kapablaj pensi nur per pruntitaj ideoj, agi per ŝablonaj modeloj. Sed ja ankaŭ ekzistas ortopedia instruarto, kiu oficas por havigi ideojn al kiuj ne kapablas ilin krei, kiel oni donas artefarajn gambojn al lamuloj. Ankaŭ, tiel konsiderata, la libro de C. R. estas tre grava, ĉar ĝi efike povas helpi la grandan plimulton de nia samideanaro, al kiuj tia socia pedagogio estas bezona. Sed, por la granda aventuro de la progresigo de nia afero, ja nur kalkulas la vere kreivaj mensoj, kia tiu de Cezaro Rossetti.

Mi scias ankaŭ—kaj nia movado ilin bezonas—ke en nia kampo troviĝas homoj definitive konvinkitaj, ke Esperanto estas tutperfekta kaj elekipita, kaj ke ĝin progresigi neeblas; ili, kun laŭdinda pacienco —kiun mi respektas, admiras kaj profitas— studis la zamenhofan verkaron kaj iĝis eminentaj zamenhofistoj, ankaŭ literaturimite; sed ili certagrade kvazaŭ ŝtoniĝis kaj ne volas pluiri. Tiujn ĝisostajn konvinkitojn mi sincere salutas; ili estas kvazaŭ niaj herooj; sed inter niajn saĝulojn mi prefere lokigas Cezaron Rossetti! La estonto, nia estonto, bezonas apertajn fenestrojn por novaj akiroj, sen iu ajn baro, ĝis la limo mem de la malpermesita. Cezaro Rossetti iris tiun vojon; kaj tiun limon li ne bezonis tuŝi: jen lia granda leciono!

Minejo de sekvinda lingvouzo estas la verko. Sincere mi kredas, ke *vaflo*, eĉ se fundamenta, por la ĝenerala publiko pli neologas ol *povra*, kvankam la unua estas tiel aĝa kiel nia lingvo kaj la dua anatemita neologismo, kiun malgraŭe ĉiuj konas. Nu, ambaŭ prave estas samrajte kaj samrange uzitaj de C. R. Kiel decas! Kaj jen fine kelkaj citoj pri vortoj, esprimoj kaj frazoj el la verko, probable interesaj al hispanparolantoj: *donĵuana aventuro* (paĝo 8), kies unuan vorton eble aliaj ortografius *donĥuana*, laŭ mi, prefera; *donkiĥota ago* (p. 90); *Ba! Vi ne povos eĉ vendi kojonon al eŭnuko* (21); *eldorado* (13); *ĝisi* (83) = despedirse; *krajonaĉi* (87) = rasguñear; *travici* (100); *geduo* (104); *aŭtisto* (131); *prezo malaltigita ĝis la lasta ono* (165); *la pensoj karusele ripetadis sin* (167); *la kliko jesis kun tuja fiflata aprobo* (178); *feklekulo* (179); *Unu tagon en Edinburgo mi sidis en forta embaraso* (201); kun fundamenta kaj zamenhofa uzo de *unu*, eĉ se malpermesita, tamen, en la gramatiko de nia lingvo; ktp. ktp.

Pri la ago mem de la verko, jam oni parolis sufiĉe en nia gazetaro kaj ankaŭ mi en alia loko. Ne necesas pli ĉi tie.

*Kredu min, Sinjorino!* damaskenis nian originalan literaturon per valorega gemo; nia propra beletro, ĉirkaŭita do de ĉiam pli helespera haloo, firme paŝadas antaŭen al sia nepre glorvenka futuro.

**J. RÉGULO PÉREZ,** Kanariaj Insuloj

---

**KLASIFIKITA VORTARO ESPERANTO-HISPANA** de D-ro Johano Baptisto Se-Tsien Kao. Poŝa formato: 10 x 14 cm. 166 paĝoj. Aĉetebla ĉe: «Asociación Esperantista Católica Argentina», Alsina, 736, I. Buenos Aires (Argentinio). Prezo: 6 pesoj aŭ duona usona dolaro, plus afranko.

Por la hispanlingva publiko, kiu ofte sentas la bezonon de taŭgaj vortaroj, estas motivo de ĝojo la apero de tiu ĉi vortaro Esperanto-Hispana, klasifikita per sekcioj, laŭ samfakaj ideoj. Ĉar la tasko verki Hispana - Esperantan vortaron estus tre peza, pro la eksterordinara riĉeco de la lingvo de Cervantes, nia eminenta samideano Pastro D-ro Se-Tsien Kao verkis ĉi tiun utilan vortaron, kiu, kvankam ordigita laŭ Esperanto-Hispana, taŭgas samtempe kiel vortaro Hispana-Esperanta. Por tio sufiĉas serĉi la bezonatan sekcion, kie oni trovos la deziratan vorton hispanan kaj ties signifon en Esperanto. Ekzemple, por koni la esperantan tradukon de la vorto *camisa* oni serĉu la sekcion «Vestoj» kaj apud la nomita hispana vorto estas ties signifo: *ĉemizo*. Tiu ĉi vortaro enhavas proksimume 4.100 vortojn kaj ĝia indekso, konsistanta el 66 titoloj, faciligas la rapidan serĉadon de la vortoj. En la fino de tiu ĉi havinda libro, la aŭtoro donas belan difinon pri tio, kio devas esti vera esperantisto. Mi finas, ankaŭ, do, transkribante kelkajn el tiuj idealismaj vortoj: «Vera esperantisto kondutas laŭ la spirito de la Interna Ideo, de la universala harmonio kaj interpopola fratiĝo». Bona leciono por la profitemuloj el nia movado; ĉu ne?

**J. JUAN FORNÉ**

En el Certamen Literario que tuvo lugar recientemente en Moyá, y en el que figuraba el tema: EL MUNDO ES UN PUEBLO — Necesidad de un idioma auxiliar internacional—se presentaron ocho trabajos para el citado tema, que fué uno de los más concurridos del Certamen. Resultaron premiados los samideanos Vicente Perles, de Miraflor-Vergel, y Eusebio Maynar, de Zaragoza. El trabajo de este último fué leído en el acto público del Certamen, que tuvo lugar con gran éxito el día 22 de Mayo, festividad de la Ascensión, y fué muy aplaudido por el numeroso y selecto público asistente al acto.

# ☆ LA LERNEJO

J. T. G. en SAN ROQUE. — De antaŭlonge, mi atendis vian leteron, kaj nun la sciigo pri via malsano klarigas vian silenton. Mi treege bedaŭras, ke via sano ne estas bona, kaj sendas al vi mian sinceran deziron pri plej baldaŭa resaniĝo. Ja la lernolibroj, kiujn vi mencias, nenion povas instrui al vi, ĉar vi jam sufiĉe bone posedas la lingvon. Viaj malgrandaj duboj tamen estus bone forigataj per la Plena Vortaro, kiun mi tre varme rekomendas al vi. La prepozicioj, uzataj kiel prefiksoj, havas la saman sencon. Mi ne memoras en ĉi tiu momento, pri ĉiuj kunmetitaj vortoj, kies unua vortero estas prepozicio, tamen se vi scivolas pri la signifo de tiuj de vi nekonataj, bonvolu skribi al mi. Jen la signifoj de la de vi pridemanditaj kunmetitaj vortoj: **ĝisnuna** = ***hasta ahora,*** **ĝisosta** = ***hasta la médula,*** sinteno = ***actitud,*** sinsekve = ***consecutivamente.*** Mi sendis al vi la revuojn kaj dankas, nome de la redaktoroj de nia Bulteno, la ĝentilan esprimon de via ŝato. Ankoraŭfoje dankon pro viaj salutoj, kiujn mi tre volonte reciprokas.

**JUAN BOSCH**



## PARA NUESTRO BOLETIN

**(Donativos correspondientes a JUNIO 1952)**

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 2.317 | Ptas. |
| Nicomedes Ullar - S. Feliu de Codinas | 25 | » |
| Ernesto Guillem - Valencia | 100 | » |
| Gerardo Lenaers - Valencia | 10 | » |
| Marco Aurelio Perles - Miraflor | 10 | » |
| Federico Poveda - Valencia | 10 | » |
| Rafael Herrero - Valencia | 25 | » |
| Juan Bosch - Valencia | 25 | » |
| Domingo Cebollero - Zaragoza | 5 | » |
| Pedro Alcedo - Bilbao | 10 | » |
| José Sempere - Valencia | 10 | » |
| Total | 2.547 | » |

*¡Que los nombres de la lista de hoy sirvan de estímulo para la del próximo mes!... ¡Así sea!*

**AVISO: Cuando pasado el tiempo prudencial para la recepción del BOLETIN, éste no se haya recibido, rogamos se nos comunique el extravío**



## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto aŭ unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Esperanto-Grupo el Andoro, en kafejo «La Gloria». Sant Julia de Loria (Andorra), invitas korespondadon por interŝanĝo de bildkartoj. Oni nepre respondos.

J. Félix Gomes (Santarem) — Vale de Figueira (Portugalio), deziras korespondi kun hispanaj samideaninoj.

**TUTE SENPAGE** vi ricevos ilustritan prospekton en Esperanto pri Bingen, la bela germana urbo, kiu estas perdego al la romantika parto de la mez-Rejno. Skribu petante ĝin al la Urba Trafikoficejo de Bingen (Rhein) Germanio.

**KORESPONDA SERVO**

Ĉu vi deziras korespondi kun la tuta mondo? Skribu al J. Juan Forné, strato Martí, 3, Valencia, indikante aĝon, profesion, emojn, dezirojn, ktp. Bonvolu aldoni 2 pesetojn aŭ egalvalorajn poŝtmarkojn.



PERIS-G. V. MARQUÉS DEL TURIA, 28-VALENCIA